# TRA LA LIBRARO

*Per Balono al Poluso — La Polusekspedicio de Andrée en 1897 Esprimo de sentoj en Esperanto.*

La Decembra numero de *Esperanto* jam anoncis « *en kelkaj linioj* » la aperon de grava libro. Tiu fakto plioftiĝis dum lastaj jaroj. Bona signo. La novaĵo estas : Per Balono al Norda Poluso. Aldonita folio jam klarigis pri la malofta valoro de tiu unika verko kaj pri ĝia esperanta eldono.

Jen kuŝas sur mia skribtablo, sub bela kolorkovrilo, tiu volumo, kun pli ol 400 paĝoj, bele presita sur glatpapero, kiun multaj bildoj ornamas. Kaj vere la enhavo indas tiun luksan veston.

Mi bone memoras, kiam junuloj, ni legis en gazetoj pri la tri svedoj maltime celantaj al Norda Poluso per nedirektebla balono ; sensacia forflugo ! Poste oni sciiĝis pri vanaj serĉadoj al la malaperintoj ; malfidindaj onidiroj pri trovo de postsignoj foje estis legataj. Fine, silento, forgeso. Aliaj okazaĵoj pri si atentigis. Kaj hodiaŭ post 33 jaroj, tute hazarde, iu ŝipo, veturanta lastan someron en Norda Maro, alteriĝas al preskaŭ nekonata Blanka Insulo, oriente de Svalbardo (Spitsbergen) kaj tie estas la loko kie, post sia flugado, post sia reveno sur flosantaj glacioj, mortis la tri herooj. Miraklaj cirkonstancoj ke la ŝipo ne kondukas nur maristojn al fiŝkaptado, sed ankaŭ sciencan esplorantaron, ke tiun precizan insuleron oni iras por dispecigi ĵus mortigitajn rosmarojn, ke pro somero speciale milda en tiuj regionoj la restaĵoj de l'polusekspedicio videbliĝis tra fluiĝanta glacitavolo.




Kaj nun la verko. La biografio de la tri forflugintoj, Andrée, Strindberg kaj Fraenkel, la nasko de l'ekspedicio kaj ĝiaj plenaj preparoj, la foriro kaj ŝvebado de l'balono, la peniga migrado sur la drivantaj kaj dispeciĝantaj glaciblokoj, la alveno al Blanka Insulo kaj la tiea tragedia fino, la posta eltrovo de l'restaĵoj, la dua serĉado de l'ĵurnalistoj, la alveno de l'korpoj kaj iloj, ilia solena akcepto de tutaj popoloj norvega kaj sveda, la prilaboroj de l'komisiitaj fakuloj, ĉio tio estas rakontata tiel detale, tiel trafe, tiel klare, ke la libro fariĝas pli emocia ol rava romano, pli miriga ol ajna aventura fantaziaĵo. Alia mirindaĵo : Pluraj bildoj ja estas propraj fotografaĵoj de l'partoprenintoj, trovitaj post jarcenttriono kaj tiam sukcese rivelitaj.

Tra la sinsekvaj ĉapitroj, helpe de bildoj kaj skizoj, ni vere veliras kun la tri balonistoj, suferas kun ili dum iliaj teruraj baraktadoj kontraŭ la naturfortoj, kompatas ilian frostan morton, miras kun la surprizataj trovantoj. La tuta raporto nur komentas la retrovitajn dokumentojn kaj ĝia ĉefa parto, la veturo en la balongondolo kaj la revena surglacia marŝado, sekvas laŭvorte la not- kaj observkajerojn de Andrée kaj Strindberg. Tiuj cetere estas senŝanĝe presataj nur tradukitaj, en la lasta parto de l'libro, kun bildoj de kelkaj originalaj paĝoj, ĉar tiajn dokumentojn oni prave volis prezenti al legantoj.

La heroaĵoj de ĉiulandaj aventuremaj esplorintoj estas gloraj paĝoj en la mondhistorio, pruvoj nekontesteblaj pri homaj persisto, kuraĝo, malprofitemo, ĝismorta ofero al iu ideo aŭ idealo. Inter ili, la polusserĉantoj, estas pli admirindaj pro la timigaj venkotaj baroj. Nomoj kiel tiuj de Nansen, Amundsen, Sverdrup, Scott kaj aliaj daŭre brilos en la homara panteono. Tiuj de Andrée kaj de liaj kunuloj, dank'al la retrovitaj notlibroj, pruvoj pri nobla animforto dum kruelaj travivaĵoj meritas saman famon kaj ĝin akiros.

La Esperanto-teksto de l'libro estas bona eĉ laŭdinda, se oni pripensas la mallongan tempon lasitan al la tradukinto, Stellan Engholm, ankaŭ siafaka maltimulo. Ne tro scienca por iĝi teknikaĵo ne tro populara por perdi sian valoron, sed ĉies komprenebla, por ĉiu interesega kaj instrua. La deziro de l'tradukinto kaj de de *Eldona Societo Esperanto* en Stockholm, klopodintaj por ke la eldono en Esperanto aperu samtempe kun la dekunu alilingvaj, kio postulis laboron, energion kaj oferojn, devas trovi rekompencon. La plej bona estas rapida elvendo de l'libro. Estus ia honto, ia konfeso pri malforteco, se la alvoko ne estus respondata, se ĉiu kiu tion povas, se ĉiu grupo ne akirus tiun belan valoran interesan kaj malkaran libron.

* * *

En plaĉa libreto, D-ro Privat donas al ni resumon de kurso farita ĉe la Ĝeneva Universitato. La aŭtoro studas kiel kaj kiom nia lingvo sukcesas traduki la sentojn, cetere ne tre multnombraj, kiujn parolanto aldonas instinkte al nura diro pri faktoj, t.e. : « Surprizo kaj miro, bedaŭro kaj sopiro, timo kaj dubo, amo kaj malamo, kun korespondaj impresoj : admiro kaj malplaĉo, ironio karesa aŭ moka, ĝojo kaj malĝojo ». Tial, priskribinte la apartan konsiston de l'internacia lingvo, ĝiajn proprajn ecojn, li komparas ĝin je naciaj por serĉi ĉu ĝi ankaŭ posedas tiun ĉi povon : Esprimi sentojn, kaj kiujn rimedojn ĝi uzas tiucele. Li alvenas al konkludo, ke ekzistas iaj kompensoj, ke se, je riĉeco sinonima, Esperanto postiras, je uzo de afiksoj je libereco en vortordo, je logiko de l'baza fundamento, ĝi trovas eblecojn esprimi sentojn, foje alimaniere, sed tiom plene, tiom varie, kiel aliaj vivantaj lingvoj. La legantoj, ili multaj estu, ŝatos kiom klare, kompreneble la aŭtoro traktis siajn temojn, tamen sciencajn, kaj el lingvistika kompara studo faris ĝuigan instruan legaĵon. Se ĉiujn sciencaĵojn oni tiel loge metus je ĉies atingebleco, ni ja ĉiuj fariĝus ĉionsciantoj.

15 Decembro 1930.

G. S.

Ni ricevis kvin propagandilojn, eldonitajn en Moskvo (CK-SEU, Spiridonovka 15, Moskvo — URSS) de la Centra Komitato de Sovetlanda Esperantista Unio. La unua, verkita de *Prof. Jirkov*, celas konvinki intelektulajn rondojn, skeptikajn pri nia lingvo. La titolo : Kial venkis Esperanto ? estas respondata en la teksto per mallonga historio de Volapük, Esperanto, Delegacio kaj Ido. Pri la tri naciaj kulturlingvoj, kiuj konkurencas kontraŭ Esperanto, la aŭtoro diras : « La monda rolo de la angla ekfalis..., Usono kontraŭstaras al Eŭropo. La germana — lingvo de la venkita lando — ne povas sukcesi en la venkintaj landoj. La franca — ankoraŭ lingvo de internacia diplomatio — malantaŭiras en ĉiuj ceteraj sferoj. Fine, la rusa — lingvo de la revolucio — estas tro komplika gramatike, kaj treege arkaika ».

La kvar aliaj libretoj celas praktikan aplikon kaj propagandon de la lingvo en sovetaj grupoj. Lernolibreto de *E. Sazonova*, tre simila al la antaŭmilita « ruĝa broŝuro » de Bourlet laŭ la plano, sed kun klasbatala ekzercaro. *P. Kirjuŝin* instigas laboristojn al korespondado per Esperanto, sed notas ke fremdaj samideanoj ofte suferas pro la rilatoj kun SAT, aŭ kun Sovetio, pro la policaj persekutoj. *N. Modenov* proponas la samon al la Pioniroj (verŝajne, sovetaj skoltoj). *V. Engelhardt* sin turnas al la rusa instruistaro. Li citas abundajn faktojn kaj nomojn, sed iufoje kun eraroj, pardoneblaj pro la izolita situacio de sia lando, kiu multe pli elportas of enportas, rilate la ideojn kaj informojn. Ekzemple, li nomas la juriston L. Dreher « fama lingvisto » (de la kompara anglo-franca-germana lingvistiko !). Inter amikoj de Esperanto li citas kune : Ostwald, Einstein, Jespersen, Bovet, Cart, Collinson, k.a., kvankam kelkaj el ili estis aŭ estas nepacigeblaj kontraŭuloj de nia lingvo. — St.

---

S-ro Grenkamp-Kornfeld verkis novan lernolibron de Esperanta en pola lingvo, *Kompletny podrecznik jezyka Esperanto ze zbiorem wyrazen handlowych i radjowych*). La plaĉe presita lernolibro estas destinita por memlernantoj kaj por kursoj. Ĝi bone laŭfundamente klarigas nian lingvon. Precipe la aŭtoro daŭre atentigas la lernantojn pri la elparolado, donante klarajn ekzemplojn. La slavoj ĝenerale bone elparolas nian lingvon, tamen ankaŭ ili havas emon al kelkaj neĝustajoj. Tial estas salutinda la insistemo de la aŭtoro pri tiu punkto. La diferenca uzo de kazoj en pola kaj Esp. lingvoj ankaŭ estas akcentita. Nur la rimarko ĉe fino de pĝ. 28 povas erare esti komprenita de lernanto tiusence, ke oni *ĉiam* devas uzi en Esp. akuzativon, kie en pola estas dativo. Sur pĝ. 32 kaj 55 ni rimarkis la vorton « devigi » kun traduko « musiec », kiu ne ŝajnas al ni trafa. Tiuj eraretoj, certe forigotaj en la dua eldono, neniel malgrandigas la bonan impreson de la lernolibro, dediĉita al la meritita gvidanto de pola Esperanto-movado, prof. D-ro Bujvid. Antaŭparolon skribis Prof. A. Cotton, membro de Franca Akademio. (J. Ŝ.).

---

# Tento

Saldanha Carreira, Lisboa.

*Se estas, Manjo, granda via sento,*
*nervige vin ĥortuŝas ĉiu ploro,*
*neprave vi alĥuras en fervoro*
*por vidi preterpasi regimento.*

*Ĉar, certe, se vi pensus, dum momento,*
*la sangajn teruraĵojn de la gloro*
*milita, ve, sendube, via ĥoro*
*ne naĝus ĥiel naĝas en ĥontento.*

*La viro, eleganta, oficiro*
*amema, ĥiu ŝajnas idealo*
*de la fraŭlinaj sonĝoj, iĝas viro*

*freneza, aŭ plibone, ĥanibalo;*
*ĥaj, Manjo, ci funebros, ĉar martiro,*
*martiro nur disflugas de batalo.*

## Sento kaj logiko

Se nia lingvo estus pure logika, nur logika, nenia krom logika, tiam ĝi ne estus jam lingvo, t.e. parolilo de homoj, sed matematiko kaj ĝi tute ne estus bezonata, ĉar matematiko ekzistas jam kun siaj internaciaj signoj.

Esperanto estas antaŭ ĉio simpla, regula kaj klara pri reganta analogio, tiom ofte rompata en aliaj lingvoj. Sed same kiel ili, ĝi povas esprimi ankaŭ nelogikaĵojn, elkrion, de sento, kiel ekzemple ĝojon, admiron, furiozon, mallaŭdon, ktp. kion absolute ne povas matematiko, nek devas.

Tiun temon mi pli detale pritraktis en verketo « Esprimo de sentoj en Esperanto », sed diskuto pri sufiksoj en antaŭa numero devigas ankaŭ tuŝi la aferon ĉi-tie.

Necesas antaŭ ĉio kompreni, ke lingvo ne servas nur por sciigi faktojn al aliaj homoj, sed ankaŭ por esprimi nereteneblajn sentojn kaj plej ofte por fari ambaŭ kune. Jen nura komuniko de faktoj: *X postlasis ombrelon kaj mi ĝin reportos.* Jen nura esprimo de sento : « *Azeno, kia tedaĵo* » !

Jen ambaŭ kune : *Tiu azenego denove lasis sian ombrelaĉon. Kiu devos kuri ? kompreneble mi.*

Moderna lingvoscienco konstatas, ke la multege pli granda proporcio de paroloj sekvas la trian tipon miksitan. Eĉ en skriba lingvo, la unua, nur logika, scienca, estas apenaŭ tolerata de ordinara leganto, kiu preferas legi ion vivan. Ĉiu priskribo laŭ stilo de juĝisto aŭ teknika enketisto estas fremda, ne nur al literaturo, sed al ordinara kutimo.

Oni povas imagi stilon, en kiu la priskribanto donas unue akuratan aserton kaj poste sciigon pri sia sento.

Ekzemple : *X postlasis sian ombrelon. Mi ĝin reportos. Estas ago malsaĝa kaj mi estas malkontenta pri la devigo, kvankam mi faros la servon.*

Sed neniu parolas tiel abstrakte. Anstataŭ analizi la senton post la aserto, ni kolorigas la aserton per la sento. La samo okazas se, anstataŭ severeco kaj malkontenteco, ni havas pli noblan indulgon kaj ĝojon al helpo: *Kompatinda X postlasis sian ombreleton. Mi tuj portos ĝin, karulino.*

Kiel la sento « koloriga » la aserton ? Tion vi malkovras tuj per komparo de la malvarma komuniko kun la vivaj. Anstataŭ la nura nomo de X vi aŭdas (legas): « Tiu azenego », aŭ « kompatinda X ». La persono ne ŝanĝiĝas. Kio varias estas via sento.

Se via malkontenteco regas, tiam ŝi fariĝas *azeno*, eĉ *azenego*. Kaj tie la *eg-* neniom rilatas al azeno, sed al la grado de insulto, kiun vi bezonas por eligi vian grumblon, esprimitan per bildo. Pri logiko ne serĉu tro.

Se male regas ama indulgo, ŝi fariĝas kompatinda X. Kial kompatinda ? Ne demandu min, speciale se vi reportos la ombrelon kaj ŝi plezure vidos vin.

Simila pri *ombrelaĉo* kaj *ombreleto*. Ĉu la objekto ŝangiĝis ? Ne. Sed ja via humoro. Per *aĉ* vi priskribas vian propran sulkon de la brovoj kaj projekcias ĝin sur la ombrelon. Per *-et* vi esprimas vian karesemon al ŝi kaj same projekcias ĝin sur la trankvilan ombrelon. Pri logiko, ne pensu tro.

Estas jam sufiĉe, ke restas abunda pravigo per analogio. *Aĉ'* estis oportuna por esprimi *aĉecon* subjektivan, do en vi mem, sed vi certe ne faris tiun psikologian kalkulon. Vi uzis ĝin pro analogio kaj bezono. Kial ne ?

Ĉu tio rompis ian regulon de la Fundamento ? Ne. Esperanto povas uzi libere sian materialon por esprimi sentojn kaj nuancojn neforigeblajn de la homa vivo, sed tio nenial forigas la regulan bazon de ĝia Fundamento. Kontraŭe, tiu reguleco mem faciligas nekompareble la ludon de la sentoj sur ĝi.

Edm. P.

# Tra la Mondo Esperantista

XXIII VNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO KRAKÓW 1-8 AVG. 1931

**Sekretariejo :**
**23-a Universala Kongreso de Esperanto,**
**Lubicz 34, Krakòw.**

*Saluto al la tutmonda samideanaro!*

La ĵus organiziĝinta Loka Kongresa Komitato de la 23-a Universala Kongreso de Esperanto sendas sian koran saluton al la tutmonda samideanaro.

Karaj Gesamideanoj ! Tuj post nia organiziĝo ni komencis viglan agadon, por inde prepari nian ĉiujaran solenan feston. Granda laboro atendas nin — tion ni bone scias, sed kun granda gojo ni akceptis nian malfacilan taskon de la kongres-organizado. Stimulo en niaj klopodoj estas sublimaj ideoj de la Esperanto-movado kaj profunda konvinko, ke ni trovos ĉe vi, Karaj Samcelanoj, viajn apogon, helpon kaj konsilon. Ni laboros kun penso pri la profito al la Esperanto-movado kaj por kontentigi vin.

*Loka Kongresa Komitato.*

## Oficiala Informilo 1.

*Loka Kongresa Komitato.* Organiziĝis L.K.K., konsistanta el : s-o dro Odo Bujwid, universitata profesoro — *prezidanto* ; s-o dro M. Blassberg, kuracisto ; s-o ing. Edward Kostecki, direktoro de industria lernejo ; s-o ing. Eugenjusz Tor, direktoro de muzeo industria — *vic-prezidantoj*. S-o Tadeusz Hodakowski, gimnazia profesoro kaj lektoro de Esperanto ĉe la loka universitato — *ĝenerala sekretario* ; s-o Stanislaw Rudnicki — *administra sekretario*. Krome estas fiksitaj *kvin sekcioj* nome: propagand-gazetara, loĝeja, ekskursa, amuza kaj de kursgvidado. Detaloj sekvos.

*Kotizo.* Por ĉiu kongresano 44 zloty / egalas proksimume 20 ŝilin. britaj, 125 francaj frankoj, 20 germ. mark., 12,50 nederl. guld., 25 svis. fr., 5 usonaj dolaroj /. Oni sendu la kotizon antaŭ la 1-a de Julio, ĉar post tiu dato la kotizo estos je 50 % pli alta. *Plej oportune* estas sendi la kotizon per posta ĉeko je la konto de 23-a U.K. de Esp. n-ro 410.975. Informu vin ĉu el via lando oni povas sendi tiamaniere. Oni povas ankaŭ sendi je bankkonto : Bank Gospodarstwa Krajowego, Krakow. Se en via loko banko ne ekzistas, sendu per internacia postmandato aŭ registrita letero.

*Aliĝoj :* ĝis nun aliĝis 34 personoj.

*Blindula kaso.* Por ebligi al blinduloj partoprenon al la kongreso s-o Sennomulo enpagis 50 zl.

*Donacoj.* L.K.K. volonte akceptos donacojn, por plensukcesigi la kongreson. Jam enpagis s-o Sennomulo 50 zl kaj s-o Peksa el Czarny Dunajec 6 zl.

*Jurnalo.* Ĉiu aliĝinto al la kongreso ricevas senpage tuj post sie aliĝo la revuon Pola Esperantisto.

Krakow, 10 Decembro 1930.

TADEUSZ HODAKOWSKI.
Ĝenerala sekretario.

## :: NACIAJ KONGRESOJ ::

### 20a Germana Esperanto-Kongreso
### Hamburgo 1931, 23-25 Majo 1930

*Adreso :* 20. Deutscher Esperanto-Kongress, Hamburg 37, Brahmsallee 10. Poŝtĉeka konto : Hamburg, No. 145 50.

*Kotizo :* Membro de G.E.A. 6,— RM, familiano de partoprenonto 3,— RM, sed ne ricevos la kongreslibron ; germanaj ne-anoj de G.E.A. 12.— RM. Ne-germanaj partoprenontoj 6.— RM.

*ARANĜAĴOJ DE LA KONGRESO* estas : 1) komuna bankedo, la 24an de Majo. Prezo : 2,50 RM, 2) Rondveturado tra la urbo en grandaj aŭtomobiloj. 2,50 RM. Pro la pentekosta festo, tiuj aŭtomobiloj estos mendataj de multaj kluboj, kiuj faras per ili siajn ekskursojn, ni devos ĝustatempe scii la ekzaktan nombron de partoprenontoj. — 3) Ŝipveturado sur Elbe, la 25an de Majo. Ni forveturos de St. Pauli-Landungsbrücken kaj restos ĉirkaŭ duonhoron en la ĉefaj partoj de la haveno, vidante la grandajn vaporŝipojn. Poste proksimume unuhoran ŝipveturadon al Blankenese, kie ni restos dum kelkaj horoj, kaj de tie ni reveturos ŝipe al St. Pauli-Landungsbrücken. Tiu longa, duobla ŝipveturado kaj krome, antaŭe, la tramveturado de la kongresejo al St. Pauli-Landungsbrücken kostos nur 1,50 RM. Sed necese estas, ke partoprenu almenaŭ 300 personoj, kaj pri tio ni devos jam tre frue informi la ŝipsocieton.

### Internacia Cseh-Instituto de Esperanto

*Sekretari-ejo :* **Oostduinlaan 32, Hago**

La urbestraro de Arnhem (Nederlando) disponigis al ICI modernan domon en bela parko. Tiu-ĉi Esperanto-Domo iĝos kultura centro, la Meko de la samideanoj.

La nombro de la aliĝintoj estas : Ses fondantaj, 18 subtenantaj kaj 62 aktivaj membroj, kaj 35 rajtigitaj instruistoj.

La 3a Internacia Kurso okazos dum Julio 1931 en Krakovo, antaŭ la Universala Kongreso.

(Bonvolu atenti aldonitan folion).

## FOIROJ KAJ EKSPOZICIOJ

### Internacia Ekspozicio de Higieno

La ekspozicio de Higieno en Dresden, brila kadro de la 19a Germana Esperanto-Kongreso je Pentekosto 1930, allogis dum la somero 1930 alfluon de sciemaj vizitantoj el la tuta mondo. La *nombro de la vizitantoj*, kalkulas *pli ol tri milionojn* — nombro, kiu superas eĉ tiun de la unua Ekspozicio de Higiene en 1911. *Pli ol 220 kongresoj* kaj konferencoj elektis la Dresdenan ekspozicion kiel lokon de sia nunjara renkontiĝo, kaj la nombro de *stud-komisionoj el ĉiuj landoj* estas nur taksebla laŭ la grado de la okupiĝo de la oficialaj interpretistoj por la plej gravaj lingvoj. La privataj vizitantoj en la plej multaj okazoj ne kontentiĝis je unu vizito, sed ĉiam pli ofte venis por tiu aŭ alia ekspozicia halo, kiu havis ilian specialan intereson. El ĉi tiu *eksterordinara sukceso* de la nunjara ekspozicio elkreskis la komuna deziro, ne kontentiĝi kun la 4 monata daŭro de ĝi, sed daŭrigi ĝin dum la venonta somero — propono, kiu en ĉiuj rondoj, kiuj estas demandita, pri ilia opinio, vekis laŭtan konsenton. Kaj efektive estus domaĝe, se la multega laboro, kiun postulis la aranĝo de tiu mondvasta elmontro de ĉio, kio rilatas al higieno, devus esti detruata post nur unu sezono. Certe multaj homoj, kiuj nur dum la daŭro de la ekspozicio eksciis pri ĝia graveco, deziras vidi ĝin kaj kun ĝojo kaptos la okazon, vojaĝi al Dresden dum somero 1931. Oni intencas *plikompletigi*, la ekspozicion en diversaj rilatoj. La partpreno de pluaj eksterlandaj registaroj estas jam projektita. La ekspozicio ja aplikis por sia propagando la helpon de Esperanto kaj estas tre kontenta pri la multaj demandoj ricevitaj de Esperantistoj. — *Certe faros bonan impreson, se venus de Esperantistoj, kiuj vizitis la ekspozicion ĉi-jare, leteroj kun aprobo de la viditaĵoj kaj la instigo, nepre daŭrigi gin en 1931. Do helpi al nia propagando ĉe la ekspozicia estraro — estas reciproka subteno de kulture gravaj aferoj : Higieno kaj Esperanto !*

### Foiro de Leipzig

Bela prospekto ilustrita resumas la avantaĝojn de l'vizito al tiuĉi ja mondkonata foiro. Postulu ĝin rekte de : Messamt, Esperantofako, Markt 4, Leipzig C 1.

# Universala Esperanto-Asocio

*Nuna situacio — Aspekto de l'nova jaro — La devo de l'nuna horo.*

Kiel ni jam komunikis al la Delegitaro de UEA, la jaro 1930 kies kalkulojn ni nun finis, ne tute respondis al niaj planoj kaj rilate je la ciferoj, ne al la antaŭaj jaroj. Almenaŭ unu ĝojiga fakto: Nia membraro *ne* malkreskis tiom, kiom ni timis dum pasinta Septembro. Ĉar kutime postlamas aliĝoj el malproksimaj landoj, kaj aliflanke estas ĉiam aro da prokrastemuloj, en la landoj proksimaj, ni povas konsideri ke kun tiuj aliĝoj por 1930, venontaj dum 1931 la nombro de 1929 estas ree atingita. Pli malagrabla estas la malkresko de la *enspezoj*, ŝuldata ĉefe al malkresko de aliĝoj el bonvalutaj landoj kaj al eta malkresko de la kategorioj subtenantoj kaj membro-abonantoj. Sed ĉion resumante ni povas esti kontentaj, ke la jaro ne finiĝis ankoraŭ pli malbone. En la oficiala informilo aperos la kalkuloj.

---

Kun streĉa atento ni sekvas la daŭrigon de la ekonomia krizo, atinganta ĉiujn landojn. Pleje interesas nin la grandaj industriaj landoj, kie hazarde la krizo plej akre manifestiĝas: Britujo, Germanujo kaj Usono. Kvankam la krizo ne haltas antaŭ la maro kaj landlimoj, la ceteraj landoj estas malpli tuŝataj almenaŭ proporcie. Apud tiu ekonomia malsano trafluas la mondon politika veneno, igante la homojn indiferentaj. Je kio utilas klopodi por pli altaj celoj, se ne ebliĝas solvi problemojn de kiuj dependas la paciĝo ekonomia kaj politika ? La indiferenteco nuna jam ne plu estas mezurebla. Altgrade tio tuŝas nian movadon kaj la helpokrioj de la respondecaj personoj en la nacia kaj en la internacia organizoj tion atestas. Verdire la malhelpoj de la taga vivo estas multaj. Oni devus esti ja blinda por ne rimarki tion. La granda demando estas kiel ni reagu por ne fali sub la radoj aŭ stari iun tagon antaŭ la nenio. Tio kion ni diras en tiuj antaŭaj linioj ja valoras por ĉiuj. Ne nur *niaj* organizaĵoj, fakte tiom modestaj suferas de la ĝenerala situacio, sed aliaj pli malnovaj kaj pli firmaj entreprenoj idealismaj, ŝancelas.

*Mallonge:* Ni antaŭvidas gravan perdon se ne okazos pliboniĝo kaj ĉefe trankviliĝo. Ni ne hezitas tion diri al vi ĉiuj. Malprudente estus, fermi la okulojn kaj pensi « *Nu la afero rulis dum jaroj, ĝi ankaŭ ne pereos nun* ». Penso oportunisma sed ne realisma. Kiel *ni* venke trairu tiun jaron ni volas rapide skizi al vi :

1. La budĝeto antaŭvidas saman bezonon kiel por 1930. Ni ne malgrandigas Jarlibron, nek la gazeton kaj ankaŭ ne limigas la premiojn. Ni opinias, ke malgrandigante tiujn liveraĵojn ni riskas endanĝerigi la varbadon. Aliflanke ni ne povas efike malgrandigi, ekzemple duonigi, kio antaŭvidus radikalajn ŝanĝojn, je kio ne rajtigas ja la stato entuta.

2. Ne estas plenumota la decido pri la kompletigo de la personaro en la Centra Oficejo. La oficistoj konsentas plenumi la laboron dum vintro, kiam ni pleje devas klopodi, per aldonaj horoj senpagaj. Nenia altigo de salajro estas konsentata dum 1931.

3. Estas rapidigita la apero de la Jarlibro. Tion pruvas la fakto, ke je la fino de 1930, 3/4 de la tuta materialo jam estas kompostita, do du monatojn pli frue of 1930. Espereble la Jarlibro 1931 kun 400 paĝoj aperos dum Aprilo 1931.

Ni penas eligi la gazeton *Esperanto* pli regule, kio estas afero malpli redakcia sed preseja, kie mankas ankoraŭ esp. tipografo. Fine estas limigata la agado al la absolute necesa servado rapida de la membroj, kiom eble plej rapida respondado de la korespondado.

---

Jen tri eroj de la sava programo, ĉiuj tri dependaj de la C.O. Ni devas rimarkigi al vi, ke tio estas la maksimumo farebla laŭ la ĝisnuna labormaniero. Restas tiam la laborado de la Delegitoj kaj la oferemo de la Membraro. Ni proponas jenan vicon da farotaj klopodoj kaj oferoj :

1. Estas ĉirkaŭ 900 lokoj, kie estas nur Delegito de UEA sed ne membro. La Delegitoj en tiuj lokoj klopodu, nepre anigi unu personon al la Asocio, eĉ familianon, se ne estas varbeblaj esperantistoj. Ni publikigas liston de tiuj Delegitoj varbontaj novan anon en lokoj ĝis nun sen tiaj.

2. La Delegitoj en lokoj kun anoj de UEA zorgu pri rapida reaniĝo, konsentante partpagojn al personoj nepovantaj tuj pagi la tutan kotizon. Plie la Delegito sin turnu al bonstataj anoj, invitante ilin al aliĝo kiel Subtenanto. — Rekomendinde estas la varbado de Entreprenoj, (kotizo kiel MA) kies nombro ne estas kontentiga.

3. Fine ni invitas la Delegitojn, ke ili mem donu signon de solidareco aliĝante ĉiuj kiel Membro-subtenantoj. UEA ne ekspluatas vin, vi bone scias ! Krom la kutimaj dokumentoj, jarlibro, revuo, premio de frupago, subtenanto ja rajtas elekti belegan premion, kiu ofte valoras pli ol la diferenco inter la kotizo de MA kaj MS. Simpla kalkulo montras, ke duobligo de la nombro de subtenantoj, forigos aŭtomate gravan parton de niaj zorgoj. Ni ĝis nun atingis regule ĝis 400 subtenantoj (1930 iom malpli) — Ili pagis kune inter 8000 — 9000 Frk. UEA kalkulas 9000 anojn. Dek procentoj el ili do 900, aliĝu kiel MS kaj ĉio enreliĝos. La liston de la subtenantoj ni publikigas sinsekve en la oficiala informilo aŭ en la revuo *Esperanto* mem. Ni konstatas, ke nia Komitato kaj la ĉefdelegitoj kiel ankaŭ la oficistoj de la Centra Oficejo aliĝis kiel Subtenantoj. *Estas al vi sekvi tiun montron de solidareco kaj helpemo.*

---

Jen tri punktoj gravaj. De ilia konscia plenumo dependos, ĉu ni trairu tiun danĝeron de iom post ioma elĉerpiĝo. Ni ne dubas, ke vi ĉiuj favore akceptos nian alvokon kaj forigos la densan nebulon de malcerteco kaj zorgo. Ni ne volas profeti tie ĉi, ĉu la cirkonstancoj pliboniĝos baldaŭ. Esperon ĉiu ja havas, sed garantion neniu donus pri tio. Intertempe devas vivi la Asocio kaj ĝia vivo nur dependas de komuna agado. Se je la fino de la jaro ni povas diri « *ni sukcesis* » tiam estas pruvita ke ekzistas « *esperantista popolo* » konscia, ke UEA en certa senco estas la *Esperantista patrolando,* sen kiu la movado estus nura predikado sen konkreta celo.

FORTE NI STARU !

HANS JAKOB,
*Direktoro de UEA.*

---

**Kun la nuna numero estas sendata la oficiala informilo de UEA, n-ro 9. Bonvolu atenti !**

# EL LA LANDO DE L'ORA LEONO!




*Grupo esperantista en persa urbo Masjid-i-Ŝulaiman*
*(Meze: S-ro H. Taher-Zadah, D de UEA)*

Post apero de l' persa ŝlosilo de Esperanto, kaj re-eldono de persa lernolibro en Teheran, espereble ankaŭ en tiu-ĉi lando la movado reviglîĝos.

---

### Internacia Kongreso de la Inform-Oficejoj, Instituoioj de Kredit-Protekto kaj Enkasig-Organizacioj en Wien, 14.-18. decembro 1930

---

Kiel sekvon al rezolucio akceptita de la Kongreso de Oksfordo la I.C.K. okupis sin pri Esperanto en la supre citita kongreso. Dank' al iniciato de A.E.D. sufiĉe vasta atento estis donita al nia afero. La komitato invitis la direktoron de I.C.K. S-ron Rob. Kreuz fari paroladon pri Esperanto kaj ĝia uzo en tiu ĉi fako. La kongreso adoptis rezolucion por enkonduko de Esperanto, pri kiu okupas sin la konstanta komitato. Komitato de 30 delegitoj kaj de 6-persona direkcio estas elektita de la kongreso, kiu deklaris sin konstanta. S-ro Kreuz, kiu samtempe reprezentis la Princlandan Ekonomian Ĉambron de Lihtenstejno, estis elektita direkcia membro.

A.E.D. organizis specialan esperanto--ekspozicion en la kadro de aligita fak-ekspozicio, kiu trovis multan atenton.




## Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

---

*Adres ŝango :* Liga kasisto, Adm. Supera inspektoro. A. Gräfe, Polizeipräsidium, Chemnitz.

---

Nia ligestraro ĝoje povas raporti pri grava decido, kiu rilatas nian lingvon el nia neesperantista kolegaro. Ĉi tiu decido certe estas konvena, doni fortan impulson al nia liga kaj lingva movado.

La policistaj fakunuiĝoj el Germanlando, Franclando, Belgujo, Holando, Aŭstrujo, Danujo, Svedujo kaj Norvegujo depost kelkaj jaroj fondis Internacian Federacion. Dum Septembro nunjare ĉi tiu federacio okazigis sian duan kongreson en Köln, Germanujo, kie la partoprenintoj akceptis jenan decidon :

*La sekretariaro de la Internacia Policista Federacio estas komisiita nepre kaj ĉiurilate subteni la celojn al disvatigado kaj enkonduko de la helplingvo Esperanto inter la policistaro de siaj landaj fakunuiĝoj por poste uzi gin kiel kongresan kaj interrilatan lingvon.*

La reprezentanto de la germanlandaj policistaj fakunuiĝoj, Sinjoro E. Winkler, Berlin W. 35, Lützowstrasse 73, ankaŭ jam komencis eluzi ĉi tiun favoran decidon. Li tiucele jam interrilatis kun nia liga direktoro sinjoro P. Teuchner, Leipzig, petis informojn kaj varbmaterialon.

La informa bulteno de la Germanlandaj policistaj fakunuiĝoj — laborunio — (Mitteilungsblatt der Reichsarbeitsgemeinschaft Deutscher Polizeibeamtenverbände) jam komencis varbadon per artikolo pri Esperanto, verkita de sinjoro Friedrich Zensen, Hamburg, en la Novembra eldono.

Sinjoro Zensen tre trafe elmontris la utilecon kaj uzeblecon de nia internacia helplingvo Esperanto ne nur ĝenerale, sed ankaŭ speciale por polico kaj policistaro.

Je la fino la artikolo ankaŭ citis alvokon de nia ligestraro per rimarkoj, kiamaniere aranĝi kursojn kaj akceli la lernadon de nia lingvo inter la policistaro.

La reprezentantoj de la citita federacio el la aliaj landoj certe ankaŭ interrilatos kun niaj ligaj delegitoj kaj anoj.

Liganoj bonvolu propagandcele nepre eluzi ĉi tiun favoran impulson al nia movado el la rondoj de niaj kolegoj neesperantistaj.

Moderna policistaro zorgu por baldaŭa praktigado de nia helplingvo Esperanto en via profesio al la bono de la homaro. Helpu tiel pretigi la vojon al praktika faklaboro por doni imitindan ekzemplon ne nur al aliaj profesiuloj sed ankaŭ al la tuta homaro !

A. POHLE, Dresden, liga redaktoro.

---

## Viena Deficito

Ni estos dankaj al la samideanoj kiuj ankoraŭ ne sendis sian donacon por helpi al la saldo de la Viena Deficito, ke ili tion faru tuj post apero de nia alvoko.

Ankaŭ ni petas la esperantistojn, kiuj prenis sur sin la kolektadon en siaj landoj, ke ili bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ la sumojn ricevitajn kun la nomoj de la donacintoj al la supra adreso.

Ni ŝatus saldi tiun malfeliĉan aferon kaj publikigi broŝuron kiu enhavos la plenan liston de la donacintoj.

Kun antaŭaj dankoj pro via baldaŭa respondo, ni restas, samideane viaj,

P. & M. L. BLAISE,
« Bonveno », 47 Manor Way, North Harrow, Middlesex.

P.S. *El kelkaj landoj, gis nun ni nenion ricevis* ! !

# Gardu la trezoron!

En la revuo « *Vegetarano* » N-ro 3/4 aperas trafa artikolo de Oskar Bűnemann pri transira epoko. Jen lia konkludo :

Ju pli fortaj estas la ŝanĝoj de ĝeneralaj vivkondiĉoj, des pli firmaj devas stari tiuj, kiuj direktis sian atenton al certaj aferoj, kiuj estas sen-tempaj, kiuj estas la bazo de homara vivo kaj la bazo de ĉiu sana evoluo. Ni konsciu, ke ni estas gardistoj de trezoroj, kaj ke devo pezas sur ni, kiun ni ne mem elektis, sed kiu kunnaskiĝis kun ni. « Vi estas la salo de la tero ; sed, se la salo sengustiĝis, per kio ĝi estos salita ? »

Ni, la vegetaranoj, ni, la esperantistoj, ni, la kontraŭuloj de milito, konspiradas sekrete kaj publike kontraŭ ĉio, kio atakas la kondiĉojn, sub kiuj sole estas ebla sana evoluo de la homaro. Kaj ni havas kontraŭulojn, kiuj atakas niajn trezorojn. Ili atakas unue la plej grandan trezoron de ĉiu viva estaĵo : la vivon mem. Ili atakas ankaŭ la alian trezoron, kiu estas plej sankta al ĉiu homo : la konsciencon.

Ondego de barbareco ŝveliĝis en multaj eŭropaj landoj subtenata de homoj, kiuj aŭ neniam pripensis, kio estas vivo, kio estas konscienco, aŭ kiuj jam forgesis ĉiun instruon de la hontindaj militegaj jaroj. Tiu ondego minacas ne nur Eŭropon, sed la tutan homaron kaj povos neniigi ĉion, kion jardekoj de saĝa agado, eĉ jarcentoj, konstruis. Neniu tielnomata « neŭtraleco » devas deteni nin de decida kontraŭagado kontraŭ tiaj danĝeregaj nigraj fortoj. Kaj ne nur en minaco de militoj manifestiĝas tiu ondego ; ĝi jam montriĝas en multegaj detaloj de privata kaj publika vivo.

En landoj, kie ne ekzistis mortpuno, ĝi estas reenkondukita pro tiu ondego. En landoj, kiuj ne permesis bovbatalojn, oni permesas ilin. En landoj, kie oni fine malgrandigis la armeon (ĉu pro ekstera premo, ĉu pro interna konvinko), oni postulas pligrandigon de la armeo. En landoj, kie oni fine fariĝis matura por kosmopolita sento de supernacieco, de simpla homaraneco, oni akcentas naciajn infanaĵojn, oni teatrumas antaŭ la junularo per elmontro de naciismaj ridindaĵoj, oni malvastigas la horizonton de la nova generacio per malzorgo pri ĉio, kio elmontras la solidarecon de ĉiuj homaj estaĵoj de bona volo.

Ni devas gardi nin kontraŭ tiuj blindigoj. Ni devas scii, kie estas la danĝero, kaj ni tiru la konsekvencon. Ni ne klinu admirante la kapon antaŭ personoj, kiuj per perfideco, per fanfaronado aŭ nur pro la dormado de la racie pensantaj personoj atingis famon ; sed ni esploru, kie estas progreso, kie estas bonvolo, kie estas mensa kaj korpa saneco.

Antaŭ ĉio : ni ne dormu kaj ni ne toleru, ke dormu niaj najbaroj, kiam danĝero minacas lin same kiel nin.

---

# Esperantista vivo

### Fianĉiĝo

*** S-ro Teo Jung, Ĉefredaktoro de Heroldo de Esperanto, kun F-ino Agnes Schröder, en Köln 23.11.30. (Koran gratulon. Red.).

### Edziĝoj

*** F-ino Radka D. Atanasova, fratino de nia eks-ĉefdelegito por Bulgarujo, s-ro Atanas D. Atanasov (Ada) el Sofia, UEA-anino, kun Sinjoro Stojan Rajnov la 26.10.1930.

*** S-ro Jenda Janda, UEA-delegito en Volarna p. Ohare u Kolina, Ĉeĥoslovakio, kun fino Zdenicka Tackova 17.11.1930.

*** S-ro van Uitert, ano 34091 kun F-ino Hornstra anino 34093 en Apeldorn Nederlando.

*** S-ro Todor Grigorov, Ano de UEA kun F-ino Mara Taneva, Vratza, Bulgar., 26.10.1930.

*** S-ro František Ernst, delegito de UEA en Stankov, Ĉeĥoslovakujo kun F-ino Manjo Marelova, eksdelegito de UEA en Dobruška.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino A. G. Grogan, Anino 20574, en London.

S-ro Lucien Weigel, VD de UEA en Nancy, 34 jaraĝa, 26.6.1930.

S-ro Jos. Wandzioch, MA 33506, en Szopienice, Polujo 2.8.30 55 jaraĝa. Malnova agema ano kaj kasisto de loka grupo, La grupo partoprenis la enterigon kaj metis florkronon. Ĉe la tombo pastro samideano Pawelczyk, UEA ano, en funebra parolado danke memorigis lian laboron.

S-ro Arthur Geusch, eks-inspektoro fervoja, Falkenstein i.V., German. ; Ano 27681, 68 jara, 10.11.1930.

S-ro John A. Sheil, malnova ano 3846 kaj Delegito de UEA en Washington, D.C., Usono. (Sen pliaj detaloj).

S-ro Julius Boschan, ano 25599 en Praha, 26.9.30. Vicprezidinto de l' germana unuiĝo « Verda Stelo ».

S-ro Julio Figueira, patro de nia VD en Funchal, 5.8.1930.

S-ro Pedro W. Freitas, patro de nia D en Funchal, 16.10.30

S-ino Laignier, 74 jaraĝa, patrino de S-ro Laignier, LK-ano, malnova ano de UEA.

S-ino Emile Schmitt, patrino de S-ro Schmitt, Ano de UEA kaj grupa prezidanto en Nancy, 15.9.30.

S-ino Pauline Zinaide Naoumoff, patrino de nia Delegito en Valenciennes, 27 Septembro 1930.

S-ino Dufrenne, patrino de S-ro J. B. B. Dufrene, ano de UEA en Rotterdam.

S-ino Saget, edzino de nia D en Elbeuf (Francujo).

# En kelkaj linioj



*** Aperis en la Oficiala Informilo de UEA, Decembro 1929 averto pri certa S-ino Klara Biske sin nomanta « Apostolino de Esperanto ». Laŭ ricevitaj informoj el Praha, dirita sinjorino estis arestita en Podebrady pro trompo kaj aliaj agoj, esplorotaj de la polico. Malgraŭ preciza avertado kelkaj samideanoj lasis sin « envolvi » de tiu-ĉi danĝera aventuristino, tro bone konata al esperantistoj en Vieno, Spa, Ĝenevo, Sankt Gallen kaj aliloke.

*** Rivista Italiana di Esperanto, (Via Pelliccerie 2, Udine) aranĝas konkurson pri varbado de abonantoj. Kiu varbos 1) Du novajn abonantojn ricevas ekzempleron de l'Protokolaro de la Kongresoj en Udine 1929 aŭ de Como 1930. 2) Kvin novaj havigos senpagan abonon al RIE ; 3) Ok novaj belan fontplumon, 4) Dudek novaj : Diplomon kun arĝenta medalo.

*** La hungara periodaĵo « Magyar Biztositastudomanyi Szemle » indikas sian titolon en kvin aliaj lingvoj inter ili Esperanto. (Revuo Hungara por Asekuro-Scienco). Ĝi enhavas plie esp. resumon de l'enhavo.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Aviadisto.* — S-ro Thessin, Dorp, Erembodegem, Belgujo L., PI., k.ĉ.l. Certe respondos.
*Bahia Blanca* (Argentino). — S-ro Vicente Orlando, Str. Alsina, 257. PM. (Malakceptas bagatelojn).
*Bratislava* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Rudolf Šebesta Poste Restante PI., PM., k.ĉ.l.
*Cairo* (Egiptujo). — S-ro Christo Poliloris, Poste Restante, PM., L.
*Ceska Lipa* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Jan Lejsek III. No. 1051. PM. kun seriozaj kolektantoj de la tuta mondo. Sendas 150-300 PM. nur bona kvalito kontraŭ sama kvanto, poŝtrevene. Transoceanaj ŝtatoj ŝatataj.
*Dordrecht* (Nederlando). — S-ro H. van Ditten, Jacob Catsstraaat 79 rd., L. PK.
*Dvoristé p. Nové hrady, okres Vysoké Myto* (Ĉeĥoslov.). — S-ro František Ferina instruisto PI kaj G diversajn, ankaŭ porinfanajn kun Usono, Sudameriko, Japanujo, Aŭstralio, Hinujo, Afriko, Novzelando, Sovetio, Turkujo. Certe kaj tuj respondas!
*Haapsalu* (Estonio). S-ro Jüri Pääbo, Viedemanni str. 4, PM. k.ĉ.l.
*Kazatin* (U.S.S.R., Ruslando). — F-ino Halino Melnik, Novoveskaja 3, 18 jara librotenistino, PI., k.ĉ.l.
*Lodz* (Polujo). — Lodza Esperanto-Societo, Poludniowa 3, PI., L., pri div. temoj. Respondo certigata.
*Nordhorn* (German. Hannover). — F-ino Erna Schreiber, 15 jara lernantino de meza lernejo, Bismarckstrasse 23, PI., L., prefere kun junaj sinjoroj ĉ.l. Nepre respondos.
*Novy Bydzov* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Ambroz Böhm, Rösslerova 61. PI., bfl., L., prefere kun junaj fraŭlinoj.
*Olomouc* (Ĉeĥoslov.). — F-ino Bozenka Juraskova, Hejĉin, Dolni Hejcinska 20 PI., PK., L., k.ĉ.l. Certe respondos.
*Oslo* (Norv.). — S-ro Carsten Lea, pedagogo Marcus Thrane Str. 10. 26 jara, L., PI., k.ĉ.l. certe respondas.
*Oviedo* (Hispan.). —S-ro Pedro Martinez, Apartado 48, PM., PI., k.ĉ.l.
*Radeberg* (German. Sa.). — Verda Stelo, Café zur Post, PI., prospektojn bildojn k.t.p. por jarfesto okazonta 10. I. 1931.
*Radviliškis* (Litovujo). — S-ro Andrius Borkauskas, 23 jara studanto, PI., L., kun fraŭlinoj kaj seriozaj junuloj pri diversaj temoj k.ĉ.l. Respondo certigata.
*Saigon* (Indo-Ĉinio). — Franca mondvojaĝanto per biciklo, S-ro Lucien Peraire, petas la esperantistaron skribi al li sugestojn, konsilojn informojn, al lia provizora adreso, valorante ĝis Januaro 1931. Poste restante, Saigon.
*Toyama-Shi* (Japan). —S-ro HisaoYohawa, studento, 56 Imakimachi PI., L., k.ĉ.l.
*Venlo* (Nederlando). — S-ro Pierre Pijpers, Stalberg 274, PM laŭ Yvert & Tellier kaj Michel.

## Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Adresojn* de junaj ge-esperantistoj serĉas kaj senpage publikigas en porjunula gazeto: Instruistino Julie Šupochová, Malá Štepánská 6, Praha II, Ĉeĥoslov. — Skribu legeble.

*Arkitektoj kaj artpentristoj*, kiu interesiĝos pri vitro-mozaiko, kaj eble deziras interrilati kun unuaranga instituto, turnu sin al: Karl Bott, Berlin —Neukölln, Berthelsdorferstrasse 12, German.

*Bavara samideano* pro malbon-sorto en grava mizero, petas noblanimajn esperantistojn je helpo por sia familio. Josef Neher, barelisto, Obergünzburg 101 (Bavario, Allgäu).

*Ĉiu vera Esperantisto*, volas funde studi la lingvon kaj ĝian internan ideon. Do partoprenu superan kurson perleteran. Severa kontrolo. Por prospekto skribu al L. Funken, D de UEA, diplomita instruisto de Esperanto, Moselweisserstrasse 20, Koblenz, Germanujo.

*Ĉu estas la kapitalo ?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Filatelistoj.* — Vendas PM (Servajn aerajn, bonfarajn), PK, maŝinstampajojn papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 6 (German.).

*Filatelistoj.* — Rumaniajn PM. 1915-1930 Mi sendas, por PM., 25-30 pecojn de via lando. Petas afranki registrotan leteron per malgrandvaloraj PM. O. Hauker, pensiulo Georghe Lazar 17, Cernauti, Rumanio.

*Geinstruistoj kaj gelernantoj*, Berlinaj deziras korespondi kun fremdlandanoj, la lernantoj unue per PI., bfl. Skribu unue al Prof. Dyba, Moltkestrasse 4, Berlin. — Niederschönhausen.

*Gesamideanoj-Progresemuloj.* — Anoj de pli bona pli sana vivo Amikoj de bona freŝa aero. Interesiĝu pri la movado por sentabaka kulturo. Aperis glumarkoj kun Esp. teksto kun sentencoj de famaj viroj pri la fumado. Tri kolektoj de 12 glumarkoj unu poŝta respondkupono, plus afranko.

*Infanan Literaturon* el ĉiuj landoj deziras ricevi la libroeldonisto Stojan Atanasov, ul. « Neofit-Rilski » — 36 en Sofia Bulgarujo. Kontraŭ rekompenco laŭdezira li petas po 1.2 ekz. de lernolibroj krestomatioj, gazetoj k.t.p. por 8-12 jaraj geknaboj.

*Komencantoj Svisaj* povas finstudi Esperanton en Supera Korespondа Skriba Kurso de la Instituto ISOSEK, organizita en multaj landoj. Petu detalojn de ĝia svisa reprezentanto: P. Stojan, Pelisserie 7, Genève.

*Letervespero kun aŭkcio*, okazos la 10-an de Marto 1931. Bonvolu skribi interesajn poŝtkartojn aŭ leterojn al Holbăk Esperanto Klubo Holbăk, Danujo. Respondo garantiata.

*Malnovajn numerojn de Esperanto*, 103, 108, 109, 115, 119, 120, 171, deziras ricevi aĉete aŭ interŝanĝe. D-ro Walter Lippmann, Leibnizstrasse 13, Leipzig )German.).

*Poŝtmarkoj.* — Ĉiu kiu sendas al mi 100 PM de sia lando, ricevos de mi la saman kvanton de mia lando. Istvan Primusa, Zalaegerszeg Hungar.

*Tradukantoj serĉataj.* — Ni entreprenas sisteme eldoni tradukojn de famaj libroj de l'tuta mondo sub la nomo de Esperanto Universala Biblioteko ». Ni nun serĉas lertajn tradukantojn. Dezirantoj sin turnu al ni kun traduko, komence 5 paĝoj, de unu el la ĉefverkoj de ĉi sube elektitaj aŭtoroj el la originala teksto. Post la ricevo ni tuj sciigos detale.Japana Esperanto-Asocio,38 Sanbanchor Kojimachi, Tokio. — Verkistoj: Dostojevskij: D'Annunzio: Björnson: Hamsun: Sienkiewicz: Tolstoj: Turgenev: Blasco. Ibanez: Loti: Stendhal: Ibsen: Pirandello: Ĉeĥov: Ĉapek.

# ESPRIMON DE SENTOJ EN ESPERANTO?

## *Certe, vi trovos tion abunde en la verko de l' poeto Raymond Schwartz.*

OPINIOJ :

pri Verdkata Testamento:

« *Tiu ĉi libro alportos ion al ĉiuj. Amuzon al gajuloj — indignon al funebruloj — al mi modestan gajnon.*

Libristo.

« *Legu tiun libron kaj vi komprenos kien la trouzo de l' alkoholo kondukis mizerulon.* »

Moralisto.

« *Tiu ĉi libro estas tiom malmorala, ke mi eĉ ne malfermis ĝin. Precipe la « Epikuraca kanto » kaj la sekvantaj paĝoj tre indignigis min.* »

Sincerulo.



*Raymond Schwartz*

OPINIOJ :

pri Verdkata Testamento:

« *Kara geniulo, Gratulojn. Via libro estas ĉefverko. Ĉu vi povas prunte-doni al mi dudek Frankojn?* »

Amiko.

« *kaj vi konstatos, ke tiuj stultaĵoj vendiĝis pli rapide ol mia Studo pri la reorganizo de l' planeda sistemo.* »

Enviulo.

« *Ankoraŭ nova libro. Ĝi entenas proksimume cent paĝoj la literoj estas legeble presitaj kaj kelkaj preseraroj agrable interrompas la unutonecon de la frazoj. La papero estas iom dika sed oni rimarkos kun ĝojo ke la kovrilo estas delikat-kolora. Krom tio la libro entenas rimaĵojn, kiujn mi ne legis.* »

Recenzisto.

1. **VERDKATA TESTAMENTO:** 16,5 × 12,5 cm, 124 paĝ. .................... Frk. svis. 2,50
   [Poeziaĵoj variaj, pri-esperantismaj kaj aliaj]
2. **PROZO RIDETANTA:** 16,5 × 12,5 cm, 124 paĝ. .................... » 3.—
   [Malgrandaj prozaĵoj el Pariza vivo]
3. **ANNI KAJ MONTMARTRE:** 16,5 × 12,5 cm, 126 paĝ. .................... » 2,50
   [Novelo realisma el Pariza vivo]

**Ĉiuj tri volumoj kune: Frk. svis. 7,50 [afranke]**

***Mendebla ĉe:***

## Libroservo de UEA,

**1, Tour de l'Ile, GENÈVE (Svislando).**

# ESPERANTO

Svisa Poŝtĉeko: Genève. I. 2310

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj.
Korespondaj anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Frk.
Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.
Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1/8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Frk., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE